# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika). de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) de „Mondjunularo Katolika" (Moka). kaj de „Blanka Kruco" (internacia misio katolika)



NUMERO 1, 1923/24 | GRAZ, AŬSTRIO | MAJO 1923 | III. KOLEKTO 1923/24


## La ofensivo de la katolikaro tutmonda.

„Foriru vi en la tutan mondon kaj instruu ĉiujn popolojn . .!" Tia estis la ordono de l' Dia Majstro al la apostoloj, la ordono al plej grandioza misia ofensivo en la historio de l' homaro.

Ĉu la apostoloj obeis? Forlasante ĉian homan timon, antaŭenpuŝite per la Sankta Spirito, ili ne plu hezitis, sed foriris al la misio. Gajni la mondon por Kristo kaj Lia regno, ne malpli grandioza estis la altcelo de tiuj homoj sen armoj, sen bataliloj, sen scienco, sen financaj rimedoj, sen oratoraj kapablabecoj, sen iaj homaj iloj konfidigantaj al sukceso. Ili foriris, ĉar Jesuo ordonis. Tio sufiĉis. Ili foriris kaj gajnis la tutan konatan mondon.

La ordono de l' Majstro valoras ankoraŭ. Gi estas donita al la apostoloj kaj iliaj posteuloj, al la tuta eklezio, al la katolikaro tutmonda. Ĉar la ordono ne ankoraŭ estas plenigita. La granda plimulto de la homaro ankoraŭ staras ekstere de la eklezio, parte ne ankoraŭ trovinta la Savinton, parte forlasinta la komunecon de l' eklezio. Kaj granda parto de la kreduloj mem estas nur (pli aŭ malpli) kredantoj, sed ne plenumantoj de l' Evangelio! La ordono de la Dia Majstro do ankoraŭ urĝas. Ĉu ni obeas ĝin kiel la apostoloj? Ĉu la hodiaŭa katolikaro tutmonda, ĉu ni plenigitaj de sankta deziro je la realigo de l' „Dia regno sur tero" trairas la mondon por gajni la homaron por la Evangelio, por penetri ĉiajn homajn aferojn kaj rilatojn per Krista spirito, por krei la „katolikan mondon" laŭ la deziro de l' Savinto?

Meti la demandon egalas nei ĝin. Bedaŭre ni devas konfesi tion laŭverece.

Ni, katolikaro hodiaŭa, plejparte ne plu havas la konkeran spiriton de la apostoloj. Ni estas kontentaj konkeri nian personan savon-pereu la mondo, se ĝi ne trovos la Savinton. Ni ne plu malsatas profundkore je la realigo de l' Dia regno de justeco kaj amo en la mondo.

Ni ne plu sentas la konsciencan respondecon, doni al la malesperinta mondo la programon de savo, kiun ni posedas en la Evangelio aplikata al ĉiuj problemoj de l' hodiaŭa vivo. Ni estas kontentegaj, se ni ne estas atakataj, se ni pli malpli konservas la hodiaŭan posedon, ni ne plu pensas al ofensivo por gajni la mondon por Kristo kaj Lia regno kaj tiamaniere savi ĝin.

Pro la nerealigo de la „Dia regno sur tero" regas terura haoso en la hodiaŭa mondo. Frato mortigas fraton, klaso batalas malame kontraŭ klaso, nacio teren batas nacion. Kaj neniu trovas solvon malgraŭ nenombreblaj konferencoj de la ŝtatestroj kaj diplomatoj. Vekiĝu! Ekstaru, katolikaro tutmonda! Prenu la standarton de Kristo kaj marŝu al konkerado de l' mondo! Formetu ĉian homan timon, ne respektu iajn laŭterajn skrupulojn! Jesuo ordonas kaj la mondo sopiras pro deziro je novaj „Kristoforoj". Tio sufiĉas. Ekstaru!

Proklamu vi, katolikaro tutmonda, la regnon de Dio sur tero! Proklamu la repaciĝon de la malfratiĝintaj fratoj diversnaciaj! Proklamu justecon kaj amon elprofunde renovigantajn ĉiujn homajn cirkonstancojn! Proklamu la subigon de persona aŭ nacia egoismo kaj perfortemo, de kapitalismo, nacionalismo, ŝovinismo, revoluciemo per la spirito de sincera reciproka justeco, komuneco, servemeco, frateco kristana! Proklamu la kristanismon apostolan de la veraj kristanoj, realigante ĝin kiel eble plej perfekte en katolikaj rondoj kaj komunumoj, anigante ĉiujn duonulojn kaj dubemulojn per instiga ekzemplo de novaj sanktuloj! Proklamu la novan savigan spiriton, la sanktan Pentekostan spiriton! La mondo malsatas je via profundkredema kaj konfidema proklamo!

Kredu, vi mem katolikaro tutmonda, je la katolika mondo kaj prediku ĝin, sentime en grandioza misia ofensivo, kaj estos realigata laŭ la deziro de l' Majstro Katolika mondo kaj la Savo de l' homaro.

Dro M. J. Metzger.

## La rekristanigo de la proletariato.

Ideala klopodo en Nederlando.

Scianta ke la apologia unuiĝo [illegible]", kiu agadis pli dogmatike — science kaj la „[illegible] Gemeenschap", kiu agadas pli universale kiel en Anglio la „Catholik evidence guild", kvankam honegaj por kristanigi [illegible] skaja [illegible], [illegible] sufiĉas por [illegible] la infanojn al la plej sankta koro de Jesuo, la eminenta Jesuita pastro Dro Jak van Ginneken, konatega kiel lingvisto kaj psikologo, formis la ideon, reenkonduki la kateĥumenaton kiel en la naskiĝotempo de l'kristianismo, por tiel influi la infanojn de la proletariato, kiuj alie recevas ilian religian edukadon sur la strato.

Tion celante li fondis la „Sankta Reinilda Fondajon", tiu estas unuiĝo de junaj virinoj, monaĥinoj kaj laikinoj, el kiuj la unuaj sin okupas per medita, la aliaj per agada vivo.

Kiel la nobla virgulino antaŭ pli ol mil jaroj, kun sia fratino kaj la soldatoj de sia patro, eliris en nian landon al krucmilito kontraŭ la idolaneco, predikis la kredon al la

## La Ĉevalo sur monteto.

**Pola novelo de Eugenio de Korvin Mauaĉevski**

Sekvonte aperos belega novelo de juna pola verkisto. Kauze de bolŝevistaj kruelagoj kontrau pola pastraro en Petersburg, la okuloj de la kristanaro pli ol iam sin turnas al tiu lando, kiu post longa kaj parte plej suferplena periodo retrovis menstarecon, kaj nun, kiel en antikvaj tempoj kontrau panturka islamo, hodiau estas barilo kontrau la bolŝevismo, pli kaj pli krueliĝanta.

La novelo montras la „odiseon" de juna pola poeto, kiu batalinte en fremdaj armeoj, finfine vidis la realiĝon de siaj revoj, perdinte tamen ĉiujn siajn mondajn havaĵojn . . . Hodiau li kuŝas ses futojn sub la tero, en Zakopane, ĉefurbo de la pola Tatra montaro, kie li skribis ĉi-tiun novelon kaj mortis. Red.

Kiam mi estas malgaja, mi sidiĝas kaj skribas. Senorde mi kronikiĝas la historion de mia vivo. En memoro dolorplena, super ĉiu esprimo suferanta, revivigas mi la okazintaĵojn de pasintaj kelkaj jaroj.

Mi estas invalido de la „granda milito". Mia korpo troviĝas nun en stato, kion oni nomas „resaniĝo" kaj animon mian plenumas miraklo, kion oni nomas „revenon al si mem". Mi estis malproksime de la propra „Mi", tre malproksime! Mi pilgradis al mi mem dum tutaj ĉi jaroj, vadinte tra fremda kaj tra propra sango: jen, nun mi revenas jam al mi mem . . .

Mi rigardas en la vintrajn Tatrojn. Mirinde belaj ili estas. Kio en la mondo egalas al tiu grandioza senbridita forteksplodo de la granda teramaso, ĵetanta sin kun ŝtona potenco heroe kontraŭ la malferma larĝa ĉielbluo? Rigardu: La tera globo donas siajn brustojn al Diaj alpermoj ĉielaj.

Kiam mi je hela tagmezo pririgardas la neĝajn montsuprojn, ensorĉigataj per granda suno, tiujn briliantojn, kiuj batas la okulojn per siaj fajroj, kvazaŭ gravuritaj en montkristalo, plena de diamantoj — kiam mi enrigardas fortajn reglojn*), surkreskitajn tute de la alta pino, verda kiel kanabo, kaj starante unu apud la alia, simile al aro de plumoriĉaj sagoj, minacantaj densasalve al ĉielo: tiam de ie, el la fundo d' l' animo, ekleviĝas en mi senvorta preĝo, ekflugas dankoplena ekploro al Kreinto, kiu estigis el nenio tiujn argentokolorajn sagarbe kovritajn montojn, ke ankaŭ estis lia volo: estigi la grandiozan mizeron, kiel estas homo, kiel estas mi!

Sed kune kun nebuloj, kiuj en nubiĝantaj tagoj fluetas el ĉiuj montfendetoj, rampante el rokaj fendoj, kaj malrapide malsupreniras en mian valon kun siaj mallumaj amasoj, falas sur min pezegaj horoj de terura premo anima, kompare al kiu la montoj malklare sin levantaj estas ludo infana.

Tiam mi vagas inter pinoj glitigitaj per malseko, pendigantaj senmove siajn branĉojn kiel ĉifonojn de humila, malnova vestaĵo — kaj tiam mi sopiras je la bona suno. Malĝojo invadas min kaj mi sentas min kvazaŭ mi ne estus homa individuo, sed pezega sako, plena da malsana viando, plena da kaĉo de masakritaj ostoj, kvazaŭ mi estus volvo de seninterligaj nervoj, elŝiritaj el mi, fibro post fibro, kiel je ĉarpioj al vundoj oni disŝiras malnovan tolon.

Je miaj soleciaj promenoj mi tiam volus ĉirkaŭpreni la ĉevojajn arbojn, alpreni ilin al mia brusto el ĉiuj fortoj de brakoj kaj laŭte plori — kun ega, neniel haltigata ploro . . .

(Daŭrigota.)

*) pola nomo de tiuj el la Tatraj montoj, kiuj estas kovritaj de arbaroj.

malriĉuloj kaj disdonis almozojn kaj tiel ebenigis la vojon en la mizerajn infankorojn por la pastro, kiu alimaniere ne povas atingi ilin; ĉar la kutima vojo, kondukanta tra la familio, ne estas irebla ĉe tiuj idoj de modernaj idolanoj.

La motivaj pensoj de la instituto estas jenaj:

La katehumenato ekzistis en la eklezio tiom longe kiom estis idolanoj en okcidenta Eŭropo, precipe infanoj, kiuj devis esti konvertataj. La virinoj, diakoninoj, ĉiam havis taskon en la propagando de la kristana kredo: nu ankaŭ niatempe ekzistas multege da idolanoj en niaj grandaj kaj eĉ malgrandaj urboj; do ankaŭ nun ni devas havi katehumenaton kaj ankaŭ niatempe ekzistas multege da idolanoj en niaj grandaj kaj eĉ malgrandaj urboj; do ankaŭ nun ni devas havi katehumenaton kaj ankaŭ nun la virinoj devas plenumi taskon en ĉi tiu afero.

La „Sankta Reinilda fondaĵo" havas ekzercejon, nomata „Bethanie", en Bloemendal. Tie la monaĥinaj membroj pasigas la tutan vivon por preĝante malsuprenigi la Dian gracon, doni lecionojn al la laikaj membroj kaj fari poemaĵojn k. t. p., kiujn la laikaj membroj povas uzi je sia praktika laboro. Ili estas vestitaj en blanka vesto kun violkolora vualo. Post la provtempo ili faras la tri religiajn promesojn kaj ankoraŭ kvaran per kiu ili promesas, ke ili volas fari la oferon de ilia vivo por preĝi, suferi kaj labori por la konvertado de Nederlando. Ilia patronino estas la Sa Lidvina de Schiedam, la ĉiam-suferinta virgulino. La „samsortulinoj de Sa Lidwina" do estas la movanta forto de la ideala agado (la ideo de tiuj-ĉi oferanimoj estas da pastro Willenborg en Bloemendaal).

En Betanie ankaŭ la laikaj membroj, la praktike laborontaj katehistinoj ricevas sian instruadon, moralan kaj sciencan t. e. ili estas instruataj en la spirita vivo, en religiaj sciencoj (Malnova kaj Nova Testamento, eklezia historio, doktrino de nia kredo) kaj en sociala porinfanlaboro, pedagogio, muziko kaj ĉio, per kio oni povas utile okupigi la infanojn. Tiuj-ĉi membroj estas kaj restas laikaj, nur dum ilia ekzercotempo en Bethanie ili portas uniforman blankan veston kun blanka vualo, dum ilia praktika laboro ili estas tute laike vestitaj. Post la ekzercotempo ili laboradas en la kvartalaĉoj de iu granda urbo, sed ĉiujare revenas en ekzercejon dum unu monato, kaj post 5 jaroj, dum tuta jaro por fortiĝi.

La unuan katehumenaton oni komencis kaj la unuan katehumenejon oni do fondis en Hago. Mi volas aldoni kelkajn vortojn pri la laborado de la katehistinoj en tiu-ĉi urbo. Komence ili kunigis la malriĉajn, nekredulajn, neprizorgitajn infanojn en la katehumenejo nur por okupigi ilin amuzantmaniere. Per tio ili gajnis la korojn de tiuj amdeziraj infanoj, donis al ili la edukadon, kiun la gepatroj ne prizorgis, kaj povis alparoli ilin pri Dio kaj Lia boneco, rakontante la okazintojn de la Malnova Testamento. Eĉ la gepratojn oni tiel influis. Kiam



ili ekkonis la klientetojn, ili faris elekton kaj invitis 70 infanojn por ke ili estiĝu „novuloj". Al tiuj-ĉi la katehistinoj parolis pri la precipaj homaj devoj. Post iom da tempo la „novuloj" fariĝis „Komencintoj". Al ili oni instruis la Novan Testamenton, konatigis Jesuon, nian Savinton. Kaj post tio jam kelkaj fariĝis „elektitoj" t. e. je la pasinta Pasko-festo jam kelkaj infanoj estas babtitaj.

Jen bildon de la plej nova kaj plej malnova propagilo de nia sankta Kredo. Se eble estos personoj kiuj volas scii ankoraŭ pli detalon pri la Reinilda fondaĵo, mi aldonas la adreson de la Haga katehumenejo, nome: M. Reinilda stichting. Elandstraat 126, Den Haag.

Verema Nederlando.

## El nederlanda publik-katolika Vivo

En 7a numero de Katolika Mondo ni legis laŭdon pri la organizaĵoj de nederlanda katolikaro. Oni vekis nian intereson pro tiaj faktoj: „Por ĉiu aparta profesio kaj metio ekzistas speziala katolika organizo". Kaj ne nur laŭ metioj la organizoj estas interdividitaj, sed ankaŭ laŭ klasoj sociaj. Do la ŝuistoj havas apartan fakorganizon, ĉar ili estas ŝuistoj. Sed tiu ne sufiĉas; ĉar krom ŝuisto li estas ankaŭ klasano: li apartenas al alta, mesa aŭ malalta socia klaso. Sekve li estas ankoraŭ, laŭ klaso en alia klasa organizo. La tuta homa societo estas, laŭ penso de la elpensinta, dividebla en kelkaj klasoj da homoj. Simile je tiu dividebleco oni kreis nombron da klasorganizoj.

La teorio ŝajnas bona, sed la praktiko multe elrevigas! Kaj la homoj akre inter se disputas pro la klasorganizo, kie ili rajtas aŭ ne raitas membriĝi. Ekzemple: ĉi tiu homo volus esti en altranga klasorganizo, sed aliaj homoj opiniis pri li, ke li tie ne rajtas esti, ke li devas membriĝi ĉe iu malpli altranga klasorganizo.

Kvankam la nederlanda katolika popolo estas, pli ol alia, kapabla je praktikigo de tiaj abstraktaĵoj, tamen eĉ la sperto jam nun montras la neteneblecon de tia klopodo. Jam post ĉirkaue dekono da jaroj (multaj el tiuj organizoj eĉ ne dek, ne kvin jaroj ekzistas!) la elreviganta sperto eknuligas la optimistajn esperojn. Mi opinias ke estas necese ĉi tiumaniere averti la alilandulajn kredfratojn, por ke ili ne sendiference klopodu imiti la ekzemplon nederlandan. Tiu ekzemplo ne estas tiom imitinda, kiom oni povus pensi. Oni estu treege prudenta! Des pli, ĉar tio kio eĉ vere estas ebla al nederlandanoj, tiu sama afero povas esti tute netolerebla al la karaktero de alilanda popolo!

Plue mi devas averti la verkiston de la citita artikolo. Prezenti siajn proprajn landanojn kiel modelon al la cetera mondo, povus havi iomete ŝajnon farizean. Oni povus kredi, ke ni estimas nin mem pli bonajn ol aliaj homoj. Ofte la verkisto de tia artikolo tute ne meritas tiun ŝajnon, ĉar li skribis nur por helpi al aliaj fratoj sen plua intenco. Sed malgraŭ tio la ŝajno ekzistas kaj povas erarigi la legantojn . . .

Niederlandano Katolika.

Rim. Estante libera tribunalo por ĉiuj opinoj, ni volonte publikigas la rimarkon de nia nederlanda amiko, rimarkante tamen, ke la unua verkisto sendube skribis bonintence. Red.

## La Kontraŭeklezia batalo en Ruslando.

(Originala letero.)

29. III. 1923.

Mi rapidas sciigi al vi jenan novaĵon, kiun mi ĵus legis en officiala regna gazeto.

La ĉefo de la katolika Eklezio en Ruslando, episkopo Caplak en Petrograd kaj kune kun li multaj pastroj estas kondamnitaj. Jen iliaj „kulpoj" laŭ la oficiala sovjeta gazeto: Agitado kontraŭ realigo de la dekreto de Sovjet-registraro de 23. I. 1918 pri disigo de ŝtato kaj religio. En siaj sekretaj kunsidoj en Petrograd fine de 1918 ĝis marto 1919 ili eltrovadis diversajn metodojn kaj rimedojn kontraŭ realigo de tiu dekreto. Ili verkis diversajn cirkulerojn kaj leterojn, kie ili deklaras kiel profanadon de la rajtoj de l'eklezio, se grupoj da kredantoj interkonsentiĝas kun oficistoj de registraro pri provizora uzado de la preĝejoj kaj preĝejaj meblaroj. Al la parohanoj ili malpermesis partopreni tiujn ĉi kontraktojn. Plue ili decidis batali de la ambono kontraŭ la bolŝevismo kaj minacis al la katolikoj je anatemo, se ili apartenas al la komunista partio. Dum unu sekreta kunsido la episcopo proponis, „plue ne esti atakataj, sed atakantaj". Krom tio la pastraro agitadis kontraŭ realigo de la dekreto sovjeta de 23. II. 22, pri fordono de la preĝejaj valoraĵoj . . .

Nuntempe laŭ nova ordono ĉiuj preĝejoj devas esti registritaj en la Gubernia Plenuma Komitato de la Konsilantaro de soldat-, laborist-, kaj vilĝanaraj deputatoj.

Pro rifuzo en urbo O. estas fermitaj 7 ortodoksaj preĝejoj, unu katolika kaj unu sinagogo. En la sinagogo jam funkcias borso. Krom tio ĉiu preĝejo devas esti asekurita. Multaj ortodoksaj preĝejoj nun jam estas asekurataj. Tiu ĉi „plezuro" kostas 216 (legu milionoj) rubloj kaj pli. Enregistrado de preĝejo kostas 250 milionojn da rubloj. La pastraro kommence de marto devis akiri por sia profesio „patenton". Ĉiu partento kostas 50 milio-

## La tria Internacia Katolika Kongreso en Konstanz.

**La 10—15an de Aŭgusto 1923.**

### 4a Komuniko.

**Provisora programo.**

**1. Tempa plano:** La kongreso komencas vendrede, la 10 an de aŭgusto, vespere per komuna saluta kunveno. Sabate: 11. aŭg., antaŭtagmeze: malferma kunsido; konstitucio de la specialaj konferencoj. Raportoj pri la Ika — movado kaj la katolika agado en la diversaj landoj; posttagmeze: kunsidoj de la specialaj konferencoj. Dimanĉe, 12. aŭg., antaŭtagmeze: Solena Diverso kun prediko; kunsido de direktoraro de Ika; posttagmeze: kongresa kunsido publika: la internacia defendo kaj kunagado de la katolikaro; vespere: granda publika demonstracio por la kristana paco; oratoroj el diversaj ŝtatoj. Lunde kaj marde: antaŭtagmeze: fakkunsidoj; posttagmeze: tutkongresaj kunvenoj. Merkrede (festtago!), antaŭtagmeze: Solena fina Diverso; ĝenerala komunio de la kongresistoj; solena fina kunsido; posttagmeze: komuna ekskurso per ŝipo sur la belega lago „Bodensee".

**2. Fakaj kunsidoj:** a) Ĉefa konferenco: La internacia defendo de l' eklezio; la organizita kunagado internacia; la laŭplana organizado de Ika — movado en la apartaj landoj (raportistoj estos fiksotaj pli ploste). b) Junula konferenco: la nuna junula movado en la diversaj europaj landoj (raportistoj el diversaj landoj); la defenitiva fikzado de l' programo kaj labormetodo de „Moka". (raportistoj proponataj: Pro Suter, Svisio; Pro Zamykal, „Orel", Ĉeĥosl., Sro Sappl). c) Misia konferenco (enlanda misio): la regajno de proletariaro: oratoroj diverslandaj (Pro Rossi, Milano; Pro Zimmerman, Berlino, plue reprezentantoj el Hispanio, Anglio ktp.); la religia movado en Ruslando: la historia kaj prikologia fundanronto de la reuniciĝo. (Msro Ledorkovski, prelato, Olmouce). d) Elmigrada konferenco (sesa internacia konferenco por elmigrado): la religia protekto de la elmigrantuloj, precipe en transmaraj landoj. e) Filmkonferenco: la neceseco de organizita batalado kontraŭ la malbonaj filmoj; praktikaj vojoj kaj spertoj diverslandaj. f) Gazetara konferenco: Internaciaj taskoj de katolika gazetara movado, la internacia enkonduko de festtago gazetara (ĉefraportisto: Msro Montero, Sevilla; Pro Pechenino, Pisa) g) Porpaca konferenco: La tasko de la katolikaro por restarigo de la paro (Don Vercesi, Italia); la fundamentaj principoj de l' kristanismo pri milito kaj paco (Msro Pfeiffer, Košice) ktp. Konstitucio de internacia konsilantaro por paco kaj repaciĝo. h) Esperantokonferenco: Metodoj praktikaj por disvastigadi Esperanton en la katolikaro; la ideala organiza formo de la katolika movado. „Katolika Mondo": enhavo; pligrandiĝo; plioftigo (raportistoj Pro Ĉeh, Rumanio; Pro Ramboux, Belgio; Pro Mojado, Hispanio; Dro Hinsenkamp, Germanio; Pro Carolfi, Italio).

NB! La listo de la raportistoj nur estas provizora. Multaj aliaj famkonataj personoj tiom frue ne povis decidiĝi definitive, ĉu ili povas fakte ĉeesti. Plua listo do sekvos.

### Loka komitato.

Por preparo inda de l' kongreso kreiĝis loka komitato de influaj katolikaj gvidantoj, nome el jenaj personoj: Honora prezidanto: Dro Gröber, parohestro de ĉefpreĝejo;

nojn da rubloj. Pastro jare devas pagi kiel laborimposton por si 40 000 000.— rubl. kaj imposton por ĉevalo 160 000 000.— rubl.

La „reformacia novado“ en la ortodoksa eklezio dissolviĝas malrapide. La popolo estas kontraŭ la movado. Kaŭze de la reformacia movado en la eklezio ortodoksa regas anarĥio. Multaj monaĥinejoj kune kun preĝejoj estas malfermitaj. Multaj pastroj arestitaj. La Koncilio okazonta post 16. IV. de jaro kuranta ne havas valoron en la okuloj de la popolo. Tiu ĉi nur konsistas el anoj de „Viva Eklezio“, Uniĝo de Renaskiĝo, kaj „Apostolaro“. Nur tiu ĉi tri partioj estas permesataj de la registraro.

La pastrojn, kiuj apartenas al tiuj partioj, la popolo nomas komunistoj. Multaj episkopoj troviĝas en malliberejoj. Oni ilin kulpigas pri agitado kontraŭ realigo de sovjeta dekreto pri forpreno de eklezíaj preĝejoj.

K. K.

# El ĉiuj landoj.

**Francio.** Liberpensuloj kaj kontraŭreligiuloj ĉiudirektaj emfaze proklamas la kontraŭecon de la **scienco** kaj **religio**. Sed la studentoj ĉe la Superaj Lernejoj jus donis al ili neigon okaze de la Paska komuniiĝo. Ja la politeknistoj estis pli ol 1050 komuniiĝantoj en la preĝejo S. Stefano de l'Monto en Parizo, kaj en la 46 provincaj regionoj pli al 1000 sekvis la alvokon de la ĉefurbaj kamaradoj. Mil studentoj de la Centra Lernejo por artoj kaj manufakturoj kune komuniiĝis en la katedralo de Parizo kaj 800 en provinco. Same en multaj aliaj mezgradaj lernejoj en St. Etienne, Châlons, Lille ktp. Certe granda ekzemplo de kleruloj, kiu esperigas por estonteco!

La eparkioj de **Viviers** kaj Lyon jus fondis **pastrajn sindikatojn**; ĉar ĝis nun senrezulte la franca pastraro atendas leĝan regularon kaj la episkopoj devas provizi al la bezonoj de siaj eparkioj, ili decidis profiti la publikan juron. Ĉi tiuj originalaj sindikatoj estas starigitaj laŭleĝe, sed ankaŭ konforme al la eklezia juro. Direktoroj estas la episkopoj, kiuj fiksas celon kaj agadlimon. La pastraj sindikatoj celas defendi ĉiujn interesojn de la pastra profesio, fondi, administri kaj monhelpi ĉiujn pastrajn entreprenojn kiel seminarioj, eklezioj, lernejo, ankaŭ pogrande aĉeti librojn, kultajn objektojn, vestaĵojn. Ĉi tiuj unuaj pastraj sindikatoj kaŭzis grandan sensacion ĉe la loĝantaro kaj ankaŭ ĉe kontraŭeklezíaj ĵurnalistoj.

Max Roub.

**Italio.** La 14. aprilo okazis en Romo ĉe Msro **Pissardo** la kvina kunsido de la „Ligo centra de agado katolika“, la komuna agado komitato de la tutitala katolika laboro.

Sub prezido de Kom. Avv. **Colombo** oni unue raportis pri la feliĉa organizigo de la „katolika agado“ en la apartaj diecesoj; plue oni konstatis, ke la agada komitato sendis plendleteron al prezidanto **Mussolini** pri la kruelagoj de faŝistoj kontraŭ eklesioj. La sukceso estis, ke Mussolini per cirkulera letero malpermesis tiujn agojn plej energie.

Fine de la kunsido oni starigis agadplanon, kiu montras la senlacan agadon de la kunligiĝintaj organizoj: Uniĝo de la virinoj, junularo virina, la federacio de la viroj, studentoj ktp.

## Vi parolas pri centmiloj da Esperantistoj

**Provu, ke estas almenaŭ dekmil! UEA Bezonas dekmil membrojn. Aliĝu al UEA!**

Plej grandan sensacion kaŭzis en la tuta mondo la disigo inter la faŝistoj de Mussolini kaj la framasonoj. Kiu estos finfine la pli forta?

Plej feliĉan sukreson havis la kongreso de „popolari“ (Katolika partio) en **Torino**. Kontraŭuloj jam profete proklamis la dissolon de la parto. Sed la centra bloko, feliĉe gvidata de **Don Sturzo**, havis grandan plimulton kontraŭ dekstruloj kaj maldekstruloj. La klare ellaborita programo de la partio estas de nun: kristana, memstara, laŭkonstitucia. K. S.

# Gravaj episkopaj leteroj.

Kun granda ĝojo ni povas komuniki, ke la nombro de la eklezíaj eminentuloj, kiuj enkuraĝigas kaj subtenas nian agadon, multe pligrandiĝas. Krom gravaj leteroj de pluraj Apostolaj Nuncioj kaj la jam en lasta numero nomitaj episkopoj ni recevis pluajn leterojn de Lia Kardinala Moŝto Dubois, Paris; de Msro Eustaquio, arĥepiskopo de Sevilla, Hisp., Msro Fr. Mendeza y Herrero, arĥepiskopo de Ourango, Meksiko; Msro Karolo, episkopo de Serena, Chile; Msro A. Cassulo, Apostola Delegato de Egipto; Msro J. Nute, Apostola Vikario kaj episkopo, Kairo.

Ne estas eble publikigi ĉiujn interesegajn leterojn. Nur kelkaj sekvu tie.

*Apostola nunciejo Bavario* München, 12. majo 1923.

Altestimata Sinjoro Cefsekretario!

**El koro venas al mi la deziro, ke „Internacio Katolika“ per la diligente preparata Kongreso en Konstanz esence estu alproksimigata al sia celo, antaŭenpuŝi la defendon de la eklezio kaj la repaciĝon de la nacioj laŭ la Papaj manifestoj kaj en unueca kunlaborado de reprezentantoj diverslandaj.**

m. p. Eugen Pacelli, Apostola Nuncio.

La enkuraĝiga letero, kiun Lia Kardinala Moŝto Dubois sendis al nia bonmeritinta Ika-direktoro, Sro P. J. A. Muffang, estas jena:

**Kardinalo Dubois, Arĥepisko de Paris, formas la plej bonajn dezirojn, ke la sekvonta Internacia Katolika Kongreso helpu al la realigo de l' idealo de la justeco, de la karito kaj de la Kristana paco, tiom dezirata par la Suverena Papo kaj tiel necesa al la bono de la asocioj modernaj. 25. aprilo 1923.**

# Anoncetoj.

La kostoj por dufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la preson de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato. Antaŭpago kondiĉo!

Ĉiuj katolikaj kolektantoj interŝanĝas aĉetas aŭ vendas ĉiulandajn kaj ĉiuspecajn poŝtmarkojn ĉe „Mikro“, Graz, Karmeliterplatz 5, Austrio.

Kora peto. Neniu el niaj legantoj forĵetu afrankitajn kovertojn, kartojn, poŝtmarkojn ktp. Kolektu ĉion zorge kaj ensendu ĝin al „Mikro“, Graz, Karmeliterplatz 5, por subteni la mision de Blanka Kruco.

Sro L. Scatà, paroĥestro, via Cavour 43, Siracusa, Italia, dez. interŝanĝi PK ill kaj PM kun la tuta mondo, precipe kun samideanoj el Azio, Japanio kaj Aŭstralio. ¡Skribu legeble vian adreson! Respondas tuj al ĉiuj.

Alexandro Barasits, pastro, Somogysámson, Hungario, dez. kor. pri eklezíaj temoj kun pastroj ĉiulandaj kaj aliaj katolikoj. Interŝanĝas ankau neuzitajn P. M.

Katolika grupo esperantista en Düsseldorf (Germ.) deziras korespondi kun katolikaj grupoj esperantistaj de la tuta mondo. Skribu al Sro Ant. Lobüscher, Düsseldorf-Hamm 126.

Ni aranĝas Eo-eksposicion. Por pliriĉigi ĝin ni petas ĉiujn redaktejojn de Eo-gazetoj alsendi ekzemplerojn. Ĉiu samideano sendu almenaŭ p. K. bfl. D. Baselli, Esperanta Klubo en Janjina, Dalmacio, Jugoslavio.

La rezulto de mia anonceto an K. M. II, 1—5 estas ke mi jam havas konstantajn korespondantojn en Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio pri lernejo kaj geinstruista stato en tiuj landoj por mia litova ped. gazeto. Tio estas tre grava en nunaj tempoj, kiam daŭras kulturbataladoj inter katolikoj kaj kontraŭuloj. Mi korege deziras havi similajn korespondantajn ankaŭ en aliaj landoj. Oni povas skribi ankaŭ germ., france aŭ angle, se estus iom malfacile per Eo. Mi promesas sendi uzitajn (aŭ neuzitajn) litovajn poŝtmarkojn. Adreso: S. Tijunaitis, Kaunas, Lukŝio g. 11. Lietuva (Litovujo).

Josef Lejhaner, oficisto, Pravy, posto Dobrenice u Hradec Kr., Ĉeĥosl. dez. interŝ. P. K. kun ĉiuj landoj; mi estas membro de „Orel“.

Vilhemo D'haese, Waasmunster, Belgio, deziras aĉeti sanktajn bildojn prefere en Aŭstrio; sendu specimenojn kun prezoj.

Militisto demandas korespondadi kun katolikaj junulinoj aŭ junuloj de Madagascar kaj Reunion. Skribu al Petro Carriere SHR 37. Rég. d'Aviation, Rabak, Maroko.

Mi serĉas Kompostiston, katolika (eble needzigata), kiu perfekte komprenas legas kaj skribas ĉeĥan aŭ polan aŭ slovenan lingvojn. Ant. Blüdaŭ, Sommerschenburg, Bez. Magdeburg, Deutschland.

E. Janischowsky, stud. jur., Guttentag, OS., Germ., interŝanĝas P. M. de Germanio kaj Suprasilezio kun ĉiu europ. landoj (precipe Liechtenstein, Latvio, Litovio, Estnio, Hispanio, Turkio, Luxemburg, Finnlando, Jugoslavio).

Fritz Ferber, stud. chem., Mannheim D 7 14, ano de „Quickborn“, deziras korespondi per leteroj kun junuloj el Anglio, Francio, Italio, eble vizitontaj la Konstanzan kongreson, kaj interŝanĝi katolikajn revuojn.

---

prezidanto: Dro Hugo Baur, advokato; la famkonata organizanto de la „Pentekostaj konferencoj“ por katolikaj politikistoj. Apartenas al la komitato i. a. Dro Dietrich, urbestro de Konstanz; deputato Dro Herfurth; deputato Sro Amann; deputatino Sino M. Beyerle ktp. Do por plej afabla akcepto kaj agrabla loĝigo de la kongresistoj estos bone zorgata.

### Generalaj komunikoj.

a) Pasporto. Por vojaĝi Germanion estas necese pasporto kun „Visumo“ de koncernlanda germana konsulo. Speciala restadpermeso ne estas necesa. b) Loĝigo: Ĉiuj kongresistoj estas petataj sciigi nin ĉu ili preferas loĝi en hoteloj aŭ en privataj loĝejoj aŭ en katolikaj institucioj. Kiu ĝis 10a de Julio ne sin anoncas, tiu ne povas havi garantion, ke oni povas plenumi sian deziron pri loĝigo. c) Financoj: Ĉiuj partoprenontoj estas petataj, tuj sendi la kongreskotizon: 5 sfr., 2.50 hfl., 5 ŝl., 1 dolaro, 5 pes., 10 liroj, 10 fr. francaj kaj belgaj, 20 ĉKr., 10 000 aŭ Kr., 10 000 g. m. ktp. Por Germanio nuntempe konstanta sumo ne estas fiksebla.

**Novaj aliĝoj:** Sro. Don Vercesi; Rev. Pro. Rossi, Milano; R. P. Pechenino, Pisa, Italio; Msro kan. Aguilar; Msro kan. D. H. Huges; prof. J. L. Martiner; prof. M. Mojado, ĉiuj en Madrid; R. P. Zamykal; Sro Porpicha, „Orel“, Brno, Ĉeĥosl.; senatprezidanto Sro Falzer; baronino de Wulf-Staël, Austrio; fino Tippl, Graz; Sro Probst, Bruchsal; Sro Elsässer, Freiburg, Germ., Sro Otto Walter, Svisio; Slno Cartier, Juilly; fino Mittelette Triel, Francio; Sro Weißkopf, Innsbruck, Austrio, Pro Laudin, Kroĉelary, Ĉeĥosl.; Sro Herm. Andris, Oberried, Germ.; prof. Farago, Temesvar, Rumanio; Sro Schwand, Fulda kun 5 samideanoj, Germ.; Pro Sutter, Zug, Svisio; Pro Giszynski, Poznan, Polio; Sro Fr. Bühr, Ĉeĥosl.; Pro Ĉeh. Bukaresti, Rumanio; Pro Ramboux, Belgio.

**Atentu! La kongreso okazos tuj post la ĝenerala en Nürnberg. Komuna veturado de katolikaj amikoj de Nürnberg al Konstanz laŭeble estos preparata.**

**Antaŭ la kongreso de Konstanz, do samtempe kun la ĝenerala en Nürnberg okazos la 3a internacia kongreso demokrata, iniciata par nia amiko Marc Sangnier, famkonata deputato de Paris, 4—10 aŭgusto en Freiburg, Germanio. Amikoj kiuj intencas viziti ĉi tiun kongreson, atentu la anoncon, en ĉi tiu numero! Komuna veturado de Freiburg al Konstanz okazos.**

# Blanka Kruco estas aprobita

**Laŭ dekreto de la episkopa ordinariato Seckaŭ-Graz de 6a junio sub No. 3601 „Blanka Kruco“ (enlanda misio katolika) ricevis la definitivan eklezian aprobon per la episkopo de Graz en interkonsento kun la kompetenta kongregacio en Romo. Pri la celo kaj labormetodo de K. B., direktata per dro Metzger, ni raportos pli detale. K. M.**

# Sciigo.

**Pro teknikaj kaŭzoj (nova presejo) la eliro de tiu ĉi numero, verkita jam depost aprilo, estas prokrastita. El sama kialo parte mankas la supersignoj. La redaktio mem plej multe bedaŭras tiun malagrablan prokraston kaj petas senkulpigi tion. La sekvonta numero eliros kiel eble plej baldaŭ kiel duobla numero; la tria (aŭgusto) tuj post la kongreso. K. M.**

# Al ĉiuj samideanoj Katolikaj.

En nova vesto kaj kun nova kuraĝo eliras la unua numero de 3a Kolekto, jam dezire atendata de multaj samideanoj. Ni hodiaŭ rigardu antaŭen! Fratoj, la celo ne ankoraŭ estas atingata. Ne ankoraŭ ni havas vere imponan, vere indan katolikan gazeton. La devizo devas do esti **3000 abonintoj regulaj.** Ĉiu kunkelpu! Ĉiu pagu **tuj** la abonprezon! Ĉiu varbu almenaŭ unu abononton novan!

Kvankam la kriztempoj daŭras, ni tamen kuraĝis, pligrandigi la gazeton, aldonante „Revuo katolika". Ni esperas, ke niaj amikoj subtenos tiun kuraĝon kaj per senlaca varbado ebligos, ke la revuo baldaŭ aperos 8 paĝa, bele ilustrita, kun vere interesa enhavo.

Ĉiuj niaj amikoj, kiuj ankoraŭ ne pagis abonon por tria kolekto, **tuj prizorgu** tion. Ĉiuj abonintoj el Aŭstrio, Germanio, Ĉehoslovakio kai Svisio trovas poŝtpagilon. **Ne forĵetu ĝin, sed pagu tuj!** Ankaŭ poŝtpagiloj estas multekostaj!

**Kaŭze de necerta situacio de germ. marko** ni por **Germanio** nur povas arcepti abonon por **duonkolektoj,** akceptante kiel antaupago provisora 5000 g. m.

Ĉiuj alilandaj abonintoj pagu ĉe niaj **naciaj abonejoj** aŭ senpere al ni per enskribita letero.

Redakcio kaj administracio.

# Internacia poŝto.

**Al ĉiuj** gesamideanoj, kuj al nia edziĝa festo, sendis bondezirojn aŭ preĝojn, ni dankas per tiu vojo el la tuta koro; ĉar pro la granda nombro ne estas eble al mi, danki aparte al ĉiuj! K. Mayr.

**Sro. H. en N.** La afero estas sur bona vojo. Ni esperas jam en la sekvonta numero publikigi pli detalajn sciigojn. La ĉiam kreskanta nombro de episkopoj aliĝintaj al Ika aŭ al kongreso plej klare montras la plimultiĝantan konfidon de la ekleziaj aŭtoritatoj en nia agado.

**Sro. M. en J.** Bone ni legis la artikolon en Oss. Rom. Feliĉe tiu oficiala programo montris, ke la oficejo en Romo ne volas esti „ligo"; do feliĉa solvo estas esperinda.

**Sro. K. Hung.** Ni multe bedauras tion. Certe la spirito de malunueco ĝojos pri tio: ciu alia sincera amiko de la kat. movado certe elkore bedauras tion. Car estus estinta pli bone „io" ol „nenio". Ĉu ne?

**Al multaj:** Pro troa okupado per prikongresaj aferoj ne estas al mi eble ĝustatempe respondi ciujn demandojn de niaj amikoj, precipe pri plua apero de K. M. Laricevon de tiu numero ili akceptu kiel respondon. Mi petas dum la monato julio kaj augusto ni korespondadi pri tre gravaj aferoj: car la kongresoj kaj libertempoj necesaj ne ebligos ciam tujan respondon. K. M.

# Familia festo.

La 23 de Aprilo nia kara ĉefsekretario Kasparo Mayr edziĝis kun la sekretariino de Ika, fino Erika Zechner. La eklezia edziĝo estis aranĝata en la festornata preĝejeto de Blanka Kruco en la domo de la Internacia Katolika agada centrejo en Graz. La kantistaro de Blanka Kruco kantis la belan meson de Hayden solenmaniere. El ĉiuj partoj de l'mondo elvenis gratuloj kaj ankaŭ edzigaj donacoj laŭ la peto de l'subsignito, por kiuj mi elkore dankas. La tuta Ikaanaro bondeziras al la novedziĝintaj Dian benon kaj daŭran feliĉon.

* * *

**Mi dankas elkore** al ĉiuj geamikoj kunhelpintaj al honora edziĝa donaco por nia ĉefsekretario Kasparo Mayr. Volonte mi ankoraŭ akceptas donacojn estonte.

Dro M. J. Metzger.

Donacoj alvenintaj: A. en Z. 20 fr., G. en B. 5000 h. K., M. en V. 5 Lire, L. en SD. 10 fl., P. V. en B. 500 h. K., „katoliko" 10 000 Kr., Am. en Pr. 1000 g. m., D. en SV. 20 čK., Gr. en V. 5 fr. fr., Kr. en K. 10 d. Kr., Č. en B. 100 l., H. en A. 500 g. m., Sr. N. en G. 30 000 aŭ Kr., B. en Z. 5000 p. m., Pro. N. 500 g. m.

# Abonprezoj de K. M.

**Unueca internacia abonprezo de K. M. por la 3a kolekto** (10 numeroj) estas **3 svisaj (oraj frankoj)** Abonintoj el malbonvalutaj statoj, kiuj **fakte** ne povas pagi tiun sumon, **povas** havi konvenan **rabaton** lau sekvonta modelo. Do abonprezo estas:

**Bonvalutaj ŝtatoj:** 3 oraj frankoj, ekz. Svislando, Anglio, Hispanio, Danio 3 fr.; ŝl.; pes.; kr.; Nederlando 1.50 fl.; Usono —.60 d.

**Mezvalutaj ŝtatoj:** ĝis 50% rabato; ekz. Francio 5 fr.; Italio 6 l.; Litovio 4 l.; Ĉehosl. 10 č Kr.

**Malaltvalutaj landoj:** ĝis 66% rabato ekz. Jugoslavio 15 din.; Bulgario 20 l.; Rumanio 30.

**Plej malaltvalutaj ŝtatoj:** provizore ĝis 75% rabato ekz. Austrio 10 000 au. Kr.; Hungario 1000 hg. Kr.; por Germanio kaj Polio ni provizore nur akceptas **duonkolekton** kun la prezoj: 5000 g. m.; 5000 p. m. Ĉiuj ŝtatanoj de tiu kvara klaso povas enpagi ankau en austraj kronoj (10 000 por kolekto).

Oni pagu ce niaj poŝtkontoj au naciaj abonejoj. Por ŝtatoj, kie ne ekzistas malgranda papermono, oni pagu samvaloran sumon en alia konstanta valuto. Kie nacia abonejo au poŝtkonto ne ekzistas, oni pagu senpere per enskribita letero al Katolika Mondo, Graz, Karmeliterplatz 5, Austrio.

**Nur abonintoj el Aŭstrio kaj Germanio povas senpere aboni per la poŝto.**













Eldonejo: Paulus-eldonejo, Graz, Karmeliterpl. 5. — Posedanto kaj eldonisto: „Ika", Graz, Karmeliterpl. 5. — Responda Redaktoro: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterpl. 5
Presejo: Paulusdruckerei, München.